# Aŭstraliaj Esperantistoj

Nia Espero Nia Forto

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**

NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

30/06/2012 Kvindeksepa Eldono 2012 30/06/2012 SENDITA


Tiu ĉi letero havas "hiperligilojn" al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

Sendu novaĵojn, leterojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;

Provlegita de Nicole Else

La informa kaj noma paĝoj aperos nur en la dekaj eldonoj

## Laŭ la listoj de AEA membroj petitaj kaj senditaj al Max kaj Roger,

## Ne ĉiuj AEA estraranoj estas membroj de AEA ?

(AEA minacis min pri leĝa agado se mi metas la liston de la nomoj de AEA membroj en la AE)
Sekreta listo povus esti oportuna?? Ni bezonas malfermitan AEAon.

(xxiii)10. The Board has the power to appoint any **full member** of the Association to the Board to fill a casual vacancy. Any member so appointed to the Board will hold office until the next election.

# Malsanaj Kaj Vunditaj Aŭstraliaj Esperantistoj

Informu viajn samideanojn pri Esperantistoj kiuj havas sanajn problemojn. Evitu malpravajn onidirojn. Viaj amikoj kompatos vin. Informu nin.

Koncerne la morton de Audrey Felby mi esprimas mian kondolencon al familio Felby.
Svetislav Kanaĉki

Multaj el ni estas malsanaj sed tenas tion en ni mem kaj familio.
Lastatempe mi rimarkis, ke samideanoj volus scii kaj dividi tiun malbonajn novaĵon. Nin surprizas aŭdante ke unu el niaj membroj mortis.

Mi povas diri ke ankaŭ mi estas unu el la malsanuloj jam de kelkaj jaroj. Unue de mia korproblemo min savis operacio per enplanto de "stent" en la vejnon" kaj antaŭ unu kaj duono jaro operacio de kancero, sed mi ankoraŭ estas kun la vivantoj, sed ĝis kiam? Kio venos ni ne scias.

Svetislav Kanaĉki stevslank@hotmail.com

**Nova Libro** Du-lingva antologio de Esperanto-literaturo.

http://www.francisboutle.co.uk/product_info.php?products_id=97

Amike, Nicole

The World Esperanto Association. http://www.youtube.com/watch?v=uibpTW_v6UU&feature=g-upl

Se vi ne estas ano de AEA, **aliĝu rapide,** se vi volas voĉdoni AEA membreco
(xiv)3. The annual membership fee is due before 1st July in each calendar year.

Mi ne aldonas iun ajn retadresojn se la skribanto ne mem faras tion.

La ‚Aŭstraliaj Esperantistoj' (AE) publikigas vidpunktojn en Esperanto, sendepende ĉu vi estas membro de kluboj aŭ asocioj.
Skribu al ĉirkaŭ 200 legantoj, en Esperanto mi petas.

La nomoj de ĉiuj ricevantoj de la Novaĵletero estas listigitaj en la dekaj eldonoj. Adresdetaloj neniam estas montrataj. Se vi deziras kontakti iujn sur la listo, sendu mesaĝon al AE kaj ni plusendos vian mesaĝon.

Se vi deziras, ke via nomo ne estu en tiu listo, malabonu mi petas.
Se vi ŝangas vian retadreson, mi petas vin sendi la novan retadreson al mi.

Roger Springer rspring@tpg.com.au

# La Venonta Poŝta Voĉdonado de AEA..

Multaj kandidatoj ne havas komentojn pri siaj intencoj?

**La nuna Estraro de AEA (sep direktoroj)** Eble neniu estis elektita de la membroj?

**Dianne Lukes** | Prezidanto
**Kam Lee** | Administra Direktoro vidu AE50
**Suzanne Corry** | Financa Direktoro
**Jennifer Bishop** | Dir de Edukado
**Yaw Ampomah Badu**| Dir de Utiligado
**Richard Delamore**| Dir de Informado letero AE52
**Crystal Hill** | Dir de Membraj Servoj letero AE53 54 ne estas kandidato

## Kandidatoj por la nova estraro 2012-2014

| | | |
|---|---|---|
| Sandor Horvath | vidu AE50, 57 | |
| Gordon Coleman | vidu AE50, 57 | letero AE51 54 55 |
| Indrani Beharry-Lall | vidu AE50, 57 | |
| Kam Lee | vidu AE50 | |
| Heather Heldzingen | | |

Kaj kompreneble tiuj de la nuna estraro kiuj deziras esti reelektitaj kaj aliaj pri kiuj ni ankoraŭ ne scias. Bonvolu sciigi nin, se vi deziras resti en la estraro aŭ kandidatiĝi.

## Komentoj pri voĉdonado de ne-kandidatoj

Matt Maguire letero AE52

Svetislav Kanaĉki dumviva honora AEA membro (ĉu eks?): leteroj AE51, AE54
Max Wearing leteroj AE54
Nicole Else letero AE55
Franciska letero AE55

Ĉu vi deziras esti direktoro ĉe la nova AEA?
Ni bezonas almenaŭ sep direktorojn.
Aliĝu al AEA kaj voĉdonu je tiu grava okazo
(Se AEA ne akceptas vin kiel voĉdonanton, skribu al Aŭstraliaj Esperantistoj)

Aŭstraliaj Esperantistoj invitas ĉiujn estrarkandidatojn skribi al ni

# Kelkaj kandidatoj informas vin pri siaj kvalifikoj



## Indrani Beharry-Lall

Mi kandidatas por la posteno de kasistino (direktoro de financoj).
Mi esperantistiĝis en 1972. Ekde tiam mi preskaŭ ĉiam estis la kasistino de lokaj Esperanto-kluboj tra Aŭstralio kaj Kanado, de diversaj somerkursaroj kaj de la lastjara Jubilea Kongreso de AEA.
Krom tio mi ankaŭ estas la kasistino de la loka UNESCO klubo kaj du aliaj societaj grupoj.



## Sandor Horvath

Mi proponas min por la posteno de prezidanto. Post kelkjara agitado de Max mi esperantistiĝis finfine en 1997 antaŭ la Adelajda UK. Ekde tiam mi aktivis senĉese en Adelajdo, mi estis unu el la ĉeforganizantoj de la tiea somerkursaro en 2005 kaj la Jubilea Kongreso en 2011.
En 2004 kaj 2005 mi ankaŭ estis AEA-estrarano.
Mi intencos sekvi nian "manifeston".



## Gordon Coleman

| Esteemed friends in Esperanto, | Estimataj Esperanto amikoj, |
|---|---|
| As you know I will be nominating for a position on a new Estraro with Sandor as President. So perhaps a simple introduction, although I am certain that many of you think you know about me already. | Kiel vi scias mi kandidatiĝos por posteno en la nova estraro kun Sandor kiel prezidanto. Do eble simpla enkonduko, kvankam mi estas certa ke multaj de vi pensas ke vi jam konas min sufiĉe. |
| I started to learn Esperanto under the tutorage of the venerable Max Wearing in 2007 and paid a visit to NASK the same year. Unfortunately I am not a good student. I am from London and spent twelve years in the British army as a member of Her Majesty's Life Guards. I came to Australia in 1982 and became a teacher and have taught in the state system ever since: mostly in disadvantaged schools. I started to teach Esperanto at my previous school in 2007 and have continued to teach it since, mostly on my own no assistance from the AEA, either physical or monetary. | Mi komencis lerni Esperanton sub la gvidado de la honora Max Wearing en 2007 kaj partoprenis la NASK kurson la saman jaron. Bedaŭrinde mi ne estas bona studento. Mi estas de Londono kaj pasis dekdu jarojn en la brita armeo kiel membro de la moŝtaj Gardistoj. Mi venis al Aŭstralio en 1982, fariĝis instruisto kaj instruis en la ŝtata sistemo ekde tiam: ĉefe en malfavorataj lernejoj. Mi komencis instrui Esperanton ĉe mia antaŭa lernejo en 2007 kaj daŭrigas instrui ĝin plejparte sola sen iu ajn helpo de AEA, praktika aŭ mona. |
| I am married to my beautiful Ann whom I met and married within 5 weeks 42 years ago.<br>We both love to travel and I have either lived in or travelled to over 20 countries. | Mi estas geedziĝita al mia bela Ann kiun mi renkontis kaj edziĝis ene de 5 semajnoj antaŭ 42 jaroj.<br>Ni ambaŭ amas vojaĝi kaj mi aŭ vivis aŭ veturis al pli ol 20 landoj. |
| My journey in Esperanto has seen me act as Assistant Secretary and a member of the Estraro. As a teacher I have introduced Esperanto to around 3000 people either directly or indirectly through the relatives of my students. I have also organised and run Winter Schools / Events at my schools which have been quite successful.<br>At the recent centenary congress in Adelaide children from my class put in a short play which I wrote. | Mia vojaĝo en Esperantujo vidis min agi kiel helpa sekretario kaj membro de la estraro. Kiel instruisto mi enkondukis Esperanton al ĉirkaŭ 3000 homoj, rekte aŭ nerekte pere de la gepatroj de miaj studentoj. Mi ankaŭ organizis kaj funkciigis Vintrajn Lernejojn / Eventojn ĉe miaj lernejoj kiuj estis tre sukcesaj.<br>Dum la lastjara centjara jubilea kongreso en Adelajdo studentoj de mia klaso prezentis mallongan teatrajxon kiun mi verkis. |
| So this is me. If you vote for me then I can assure you that I will do my utmost to bring the decisions of the Estraro back into the open and that we will be careful custodians of the dwindling AEA funds. | Do tio ĉi estas mi. Se vi voĉdonas por mi, mi povas certigi al vi ke mi faros mian plej eblan por diskonigi la decidojn de la Estraro kaj ni estos zorgemaj kuratoroj de la malkreskantaj AEA fondusoj. |

La Esperanta Retradio donas bonan ĉirkaŭ 5 minutan aŭskult/legon tage.



Lille (en Francio) estas kandidato por la Universala Kongreso en 2015. Krom la fakto ke mi naskiĝis apud Lille, Lille havas la avantaĝon ke ĝi ne estas tro for de Bulonjo-sur-maro kaj do tuttaga ekskurso al la loko de la unua Universala Kongreso facile eblos.
Amike, Nicole
Vidu http://www.lve-esperanto.org/lille2015/eo/kandidateco/index.htm

……………………………………………….

Mi ĵus ricevis mesaĝon de Daniel Kane kiu estas nun en Kroatio. Li partoprenis en la 10a Kroata Esperanto Kongreso pasintan semajnfinon.
Amike, Nicole

KONGRES HRVATSKIH ESPERANTISTA
KONGRESO DE KROATAJ ESPERANTISTOJ
KOPRIVNICA ★ 2012



## Kelkaj Delegitoj al la La Kongreso de la Popoloj prelegas en Rio de Janeiro

La faka asocio de UEA de la mondcivitanoj kiuj uzas kaj apogas esperanton kunvenis la 17an de junio dimanĉe pt en la paviljono T10 de Riocentro. Gvidis la kunvenon la prezidanto de la elektitaj delegitoj de la ~kongreso de la popoloj~, Rob Wheeler el Washington, Usono, prezentis tre interesan prelegon Joel Labbe, membro de la franca senato kaj ankaŭ elektita delegito de la Mondcivitanoj.
La senatano volis prezenti siajn ideojn en sia propra franca lingvo kaj alia membro de la popolkongreso de la Mondcivitanoj, Ursula Grattapaglia, tradukis lian prelegon al la angla, kiu ja regas suverene en Riocentro.
kaj Rob Wheeler kaj Joel Labbe bone komprenis la urĝan neceson de komuna lingvo kaj serioze volas sindediĉi al la studado de esperanto.
Eltiraĵo de raporto farita de Ursula Grattapaglia, transsendita de Daniel Durand al sume 1200 adresatoj)
Vidu kelkajn fotojn en http://www.recim.org/kdp/info-eo.htm
**Amike Indrani**

**Skype-anoj, Metu vian adreson ĉi tie.** Skype name Mary Grace Mills (Orange nsk)

La gastĉambro de EFNSK devas esti antaŭmendita de estontaj gastoj.
Neniuj Esperantistoj loĝas tie aŭ proksime por helpi ne anoncitajn gastojn.
Prefere avertu almenaŭ du semajnojn antaŭe por ke ni povu bone prepari la gastĉambron.